Jaro V * N.° 51ª Marto * 1908

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

RAFAEL DUYOS

CIRILO AMORÓS, 28 = VALENCIA

**La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos.**



## La venonta Kongreso

(Dresden 16-22ª de Aŭgusto 1908)

La prezo de la kongresbileto estas fiksita je 10 markoj, kaj oni jam nun povas sendi la kotizaĵon kun plej preciza adreso de la paganto al la Bankhaus von Gebr. Arnhold, Dresden, Waisenhausstrasse, n.° 20.

---

Dum en Kembridĝo kunvenis krom la Lingva Komitato jam 28 specialaj fakoj, el kiuj kelkaj kunsidis trifoje, certe tiu nombro multe pligrandiĝos dum la venonta Kongreso. Oni verŝajne ne sin trompos, se oni kalkulas por Dresdeno ĉirkaŭe 35-40 tiajn fakanarojn kaj specialajn societojn, kiuj intencas kunveni; ĉar de Kembridĝo multe da novaj unuiĝoj estas fonditaj kaj eble estas fondotaj en Dresdeno mem dum la Kongreso. Grava tasko fariĝos por la «Kvaro» eviti koincidon de tiom da kunvenoj, precipe se oni pripensas, ke kelkaj fakanaroj postulas diversajn kunsidojn. Por faciligi la laboron, ni ordigos la jam anoncitajn sekciajn kunvenojn (kaj korege ni petas, ke oni anoncu ilin kiel eble plej frue!) antaŭ ĉio laŭ plej nesimilaj fakultatoj kaj kategorioj, supozante, ke ekzemple la teologistoj ne vizitos medicinajn kunvenojn, k. t. p.

Kvankam laŭ nova aranĝo oni intencas maloftigi la ĝeneralajn kunvenojn por gajni tempon por la specialaj fakaj kunsidoj kaj kvazaŭ kiel rekompencon doni en unu aŭ du komunaj kunsidoj je la fino de la Kongreso mallongan raportaron pri la laboroj en la diversaj fakkunvenoj, la tempo estos tre limigata precipe ĉar jaŭdo la 20ª de Aŭgusto estos «Universala Festa Tago». Ni nur plenumos per tio ĉi la deziron de multaj gesamideanoj aranĝante tian ĝeneralan ripozan, aŭ pli bone, festan tagon. Tiun tagon ni esperantistoj, fidelaj apostoloj kaj disciploj de nia kara Majstro dediĉos nur al la ĝojo de la komuna ĉeestado de ĉiuj kongrespartoprenontoj. Kiel granda kaj feliĉa familio ni intencas festi la tagon kune kun la Majstro, vojaĝante en la belan Saksan Svisujon kaj ĝuante ĉarmoplenajn pejzaĝojn de jen herbejplataj, jen sovaĝŝtonegaj bordoj de l'Elbe.

Pro la mallongeco de l' tempo ni konsilas al la prezidantoj kaj ĉefaj membroj de

societoj aŭ fakanaroj, kiuj intencas pritrakti speciale gravajn demandojn, veni Dresdenon jam unu aŭ du tagojn antaŭ la oficiala malfermo de la Kongreso, por ke ili povu fari la necesajn antaŭlaborojn kaj prezenti en la kunvenoj mem jam difinitajn precizajn proponojn al iliaj fakamikoj.

Antaŭ la Kongreso, laŭ la ĝisnuna uzo, certe kunvenos la Organiza Komitato, sed sendube ankaŭ la Lingva Komitato devos kunveni jam antaŭ la oficiala malfermo pro la graveco de diversaj demandoj, precipe pro tiu de la dezirinda reorganizado de tiu ĉi komitato, por kio proponoj estas, laŭ komunikaĵo de D.ro Zamenhof, pretigataj de la prezidanto mem, S.ro Boirac.

Por tiu Komitato la lingvo estas celo, por la fakanaroj ilo. Tial ankaŭ por la demando de la lingvo Esperanto mem nur povas esti, krom la Majstro, vera kaj sola aŭtoritato por la tuta esperantistaro la Lingva Komitato, kiu laŭ deziro de D.ro Zamenhof mem estis komisiita je sia tasko de la unua kongreso kaj oficiale denove komisiita de la dua Kongreso kaj ĝuas per konsento, ĉu publika ĉu silenta, la aprobon certe de la plej gravega plimulto de esperantistoj.

Tial oni ne sufiĉe ofte kaj energie povas akcentigi, ke en lingvaj demandoj la Esperantistaro tute ne estas sen aŭtoritato, ke en certaj demandoj pri organizado (ekz. de Kongresoj, k. t. p.) ĝi ankaŭ ne estas sen aŭtoritato, kaj ke nur en eksteraj kaj flankaj demandoj (ekzemple informejoj, k. t. p.) por kiuj Esperanto ne estas celo sed pero, oni povus krei specialan aŭtoritaton, se bezono pri tio efektive estus urĝa. En tiu ĉi rilato oni povus elekti el la diversaj grupoj ekzemple po unu delegito por kvindek aŭ dudekkvin anoj kaj krei tiamaniere delegitarojn laŭ la Hodlera propono. Ni ne dubas, ke post kelkaj jaroj tiuj ĉi societoj, unuiĝoj, fakanaroj, k. t. p., por kiuj Esperanto nur estas internacia komprenilo, fariĝos tiel multenombraj, ke tute ne estos eble al la aranĝontoj de la Esperantistaj Kongresoj kontentigi ĉiujn iliajn dezirojn, kaj ke la diversaj fakaj sekcioj aranĝos mem specialajn kongresojn, lasante lingvajn demandojn al la por tiu ĉi tasko sola kompetenta komitato, nome al la Lingva.

Ni ne dubas, ke sub ĝia gvidado kaj sub tiu de nia Majstro kiel kreinto de la lingvo, Esperanto, kvankam trankvile kaj paceme, senĉese evolucios ne per pli aŭ malpli oftaj renversoj sed en senco de natura kaj neinterrompita progreso. Ankaŭ en tiu ĉi rilato ni antaŭvidu kun plena fido la venontan Kongreson.

---

Ĉar ili enhavas konindajn opiniojn, ni kopiis la antaŭajn vortojn el artikolo publikigita de Germana Esperantista Societo en ĝia oficiala gazeto.

# Dua cirkulero de la «Kvaro» por la Kvara

Nur ses monatoj nin disigas de la venonta Kongreso, rapide ili pasos kaj la «Kvara» efektiviĝos! Ĝi okazos de la 16ª ĝis la 22ª de Aŭgusto. Tiu ĉi semajno zorgeme estis elektita; konsiderante la diversajn dezirojn de ĉiuj nacioj, la Germana Esperantista Societo en harmonio kun la Centra Oficejo decidis pri la dato. Germanujo esperas, ke la esperantistoj de la tuta mondo plenumos sian Kembriĝan promeson; kore ili estos akceptataj. Ili ĉiuj venu, la pacaj batalantoj por nia sankta afero.

La unua tago de la Kongreso estos dimanĉo. Ankaŭ la Kvara komencos per Diservoj, kiuj estas certe tre grava pruvo por la taŭgeco de Esperanto.

La Majstro venos, ne timante malgraŭ sia ne tro bona sano la lacigojn de granda

kongreso. Kaj ĉiuj Germanoj devas uzi la favoran okazon, ke ili havos la kongreson en sia propra lando. Ili ne forrestu, timante, ke ili ne sufiĉe progresis en la uzado de la lingvo. Kompreneble, ĉiu vizitonto nepre devas bone koni la lingvon, li ĝin senĉese zorge kaj diligente studadu.

La programo enhavos paroladojn, deklamojn, kantojn kaj teatraĵojn; en unu vorto, sufiĉe da okazoj, por aŭdi nian lingvon. La Dresdenaj kongresanoj vaporŝipe ekskursos al Meissen kaj al la Saksa Svisujo; la ŝipoj estos grandaj parolejoj kaj la vojaĝo donos al la ŝipanoj agrablajn momentojn de vere frata kunestado.

Ankaŭ en Dresdeno la kongresanoj estos ĉiam kune, oni tion bone aranĝos. Kvankam la urbo estas granda, tamen la efektive plej vizitataj stratoj ne estas multaj. Ni nomu: Prager Strasse, See Strasse, Schloss-Strasse, kaj Brühlsche Terrasse. Kaj se la gastoj tamen forgesus la nomojn de tiuj ĉi stratoj aŭ la nomon de siaj hoteloj, jam nun 24 policanoj povus montri al ili la vojon, ĉar ili fervore lernas Esperanton. La instruado de la policanoj estas unu el la preparaj laboradoj de la Dresdena grupo.

Alian laboron ĵus finis la Germana Esperantista Societo, ĝi eldonis adresaron:

Germana Jarlibro Esperantista por 1908 (1).

Per tiu libreto la Germana Esperantista Societo prezentas al la Esperantistaro malgrandan, sed tamen tre gravan verkon. La nombro de la Esperantistoj tiel rapide kreskas kaj pligrandiĝas, ke internaciaj adresaroj ne plu estas eldoneblaj; la naciaj jarlibroj ilin anstataŭos. Ankaŭ por la eksterlandoj tia nacia jarlibro estas interesa, ĉar ĝi enhavas ankaŭ informojn pri la kongresa urbo, kiuj interesos ĉiujn partoprenontojn kaj tiel ni petas treege, ke la tutmondaj samideanoj aĉetu nian libron.

Samvalora estas artikolo pri la historio de Esperanto, ĝi estos ĝermo de iama scienca verkego. Bildoj kaj skizoj pri Dresdeno ornamas la libreton. Aĉetu ĝin!

Dresdeno, koncerne la kongreson, similas abelujon. La anoj de la grupo laboras diligente; ili ĉiumaniere ekzercadas la interparoladon kaj ili starigis kantunuiĝon por la ekzercado de la himnoj, kantotaj dum la kongreso. Nova poŝtkarto (propono Elb) ĵus aperis. Ĝi enhavas la Ligokanton de Mozarto: Fratoj, manon donu kore! Traduko de L. L. Zamenhof.

Je 0'10 mark. ĝi estas havebla de H. Arnhold, Dresden, Waisenhausstrasse 20.

Alia novaĵo estas: «Sigelmarko» por la Kvara.

Por akiri artan kaj ornaman propagandan markon por kovertoj rilate al la kvara kongreso oni aranĝis konkurson kun premio inter la studantoj de la Reĝa Artmetia Lernejo. Estis sendataj 140 desegnoj, ĉiuj montris intereson kaj komprenon por nia afero, multaj el ili estis spritaj kaj talentaj elpensaĵoj. Nur unu el ili estos presata, sed kvin konkursintoj ricevos monan premion.

La samideanoj ilin vidos en la granda kongresa ekspozicio. Jam nun ni atentigas la amikojn je la graveco de tiu ekspozicio kaj petegas ilian energian helpon. Nur tiam ĝi estos valore, se ĝi estas plena, historie ordigita; nenie ĝi montru mankon, kontraŭe, klare oni vidu daŭran kreskadon, la sanan, fortan disvolvon, kaj la nunan staton de nia afero. Tiu kreskado sana kaj regula, neniam kaj neniel interrompita, montru per muta sed komprenebla voĉo la venontan Venkon.

Ni ne forgesu: Post la kongreso multaj el la gastoj restos kune en «Weisser Hirsch» (Blanka Cervo) la Esperantista Vilaĝo. Bela prospekto de «Weisser Hirsch» ĵus aperis. Senpage ĝi estas havebla ĉe D.ro Schramm, Dresden, Standehaus. Oni nur bonvolu sendi la poŝtpagon per «Coupon-Réponse International» (Internacia respondkupono) po 0,25 M. aŭ 0,30 fk.

La Kvaro por la Kvara, *D.ro Mybs, D.ro Schramm, Marie Hankel, Arnhold.*

---

(1) Havebla ĉe D-ro Albert Schramm, Dresden, Standehaus. Prezo: 1 marko.

# WEISSER HIRSCH

La monafero estas unu el la plej gravaj aferoj de la tuta mondo. Eĉ la Esperantistoj devas kalkuli, ne sufiĉas ke ili «sonĝas» kaj «revas», la realeco postulas sian rajton.

Ankaŭ nian «Kastelon de la Nuboj», nian Esperantistan Vilaĝon ni devas pririgardi per ŝparemaj okuloj. Tial antaŭ nelonge la loĝa komitato de la Esperantista Vilaĝo vizitis kvazaŭ nekonate la «Blankan Ĉervon». Antaŭ ol ni raportas, ni petas niajn legantojn bone memori:

Unu germana Marko estas 50 Sd. aŭ
Unu Sm. estas du Markoj.

De nun ni nur kalkulos per Sm. Jen la rezultato de la informado.

En ĉiu enirata domo la komitato aŭdis la saman: la nutrado por la tuta tago kostas 2 Sm. La tuta loko havas simplan, bonan, sanan nutromanieron, laŭ la principoj de la D.ro Lahmann: bona viando, multe da legomoj, mallonga vico de mangaĵoj kaj ĉiam la sama prezo por la tuto: 2 Sm. La sola diferenco de la prezoj okazos per la loĝado, kaj tion ni konsilas al la gastoj mem ordoni. Malgrandaj, sed tamen belaj ĉambroj kun unu lito jam estas haveblaj por 50 Sd. por tago. Grandaj, elegantaj ĉambroj kostas ĝis 3 Sm. tage. La gastoj mem decidu la prezon, tiam ili estos certe kontentaj. La ĝusta tempo por mendi ilian loĝadon estos la Julio, pli frua luado ne estas eble, ĉar la gastigantoj ne scias, kiaj ĉambroj estas haveblaj—la fremduloj ja senĉese alvenas kaj foriras en somerfreŝejo.

Ĝis tiam ni ankoraŭ ofte donos sciigojn pri Weisser Hirsch.—*M. Hankel.*

# LA LAGO

## (el Lamartine)

Al mia kara amiko S-ro R. Duyos.

Pelataj for ĉiam al novaj marbordoj,
Antaŭen trenataj en nokto senfina,
Ĉu iam ni povos, eĉ nur unu tagon,
En maro de l'tempo restadi haltantaj?

Ho lag'! Unu jaro forpasis apenaŭ,
Kaj ĉe l'karaj ondoj de ŝi nevidotaj,
Rigardu, mi venas tutsola sidiĝi,
Sur ŝtonon, vi kie ŝin vidis sidantan.

Vi tiel muĝadis sub ŝtonoj profundaj,
Ilia krutaĵo vin tiel disrompis,
Kaj tiel la vento forportis la vian
Ondŝaumon al ŝiaj amataj piedoj.

En unu vespero, ĉu vi rememoras?
Silenti ni remis kaj ĝis malproksime
Sur akv', sub ĉiel', nur aŭdiĝis remiloj
Frapantaj sur vian belsonan ondaron.

Subite resonis en bord' via ĉarma
Per eĥ', iaj voĉoj de ter' nekonitaj,
La ondoj atentis, kaj tiujn ĉi vortojn
Ellasis la buŝo por mi tiom kara:

«Ho tempo, haltigu la flugon; l'iradon
Haltigu, vi, horoj feliĉaj:
Elĝui nin lasu la ravojn rapidajn
El niaj plej belaj la tagoj!

Pripetas vin multaj la malfeliĉuloj
Por ili rapidu, forprenu
Kun tagoj iliaj iliajn malĝojojn
Kaj lasu nin, la feliĉulojn!

Sed vane mi petas ja pluajn momentojn,
La temp' sin forŝovas kaj kuras;
Mi diras al nokt': «malakcelu!», kaj tamen
Tagiĝo tuj nokton forpelos.

Ni amu, do, nin, kaj la horon flugeman
  Mi ĝuu, mi ĝuu rapide;
Havenon ne havas la vivo, nek bordon
  La temp', dum ĝi kuras, ni pasas.»

Ho tempo ĵaluza! ĉu tiuj momentoj
De ravo, dum kiuj nin amo surverŝas
Per ondoj vastegaj de ĝuo, ja povas
Rapidi for, kiel la tagoj malĝojaj?

Ne povos ni fiksi postsignon almenaŭ?
Pasintaj por ĉiam kaj tute perditaj?
La temp' ilin donis kaj ilin detruis,
Ĉu ĝi ne redonos al ni tiujn tagojn?

Eterno, malest', pasintaĵo, abismoj
Mallumaj, vi kion ja faras el tagoj
De vi englutitaj? Ĉu iam redonos
Vi tiujn altsentajn-prenitajn raviĝojn?

Ho lago, silentaj ŝtonegoj kaj grotoj,
Arbaro malluma, vi, kiujn la tempo
Indulgas aŭ povas junigi, konservu
Memoron almenaŭ pri tiu ĉi nokto!

Ĝi estu, bel-lago, dum via kvieto
Kaj dum furiozo, en viaj gaj-bordoj,
En nigraj ĉi tiuj abioj, en tiuj
Sovaĝaj ŝtonegoj sur vi flankpendantaj!

En dolĉa tremanta venteto pasanta,
Ĝi estu; en viaj ehsonaj bordbruoj,
En l'astr, arĝentfrunta, el kiu lumiĝas
Per molaj radioj la via supraĵo!

Ke vento ĝemanta, la kan' sopiranta,
Malpezaj ellasoj de via parfumo,
Ke ĉio vidata, aŭdata, spirata,
Ĉi tion eldiru: Ja ili kunamis!

*Tradukis*, V. INGLADA.

# Babilado

Esti redaktoro de nacia esperantista gazeto estas iom pli malfacile ol oni povas imagi unuavide. Ĉiu samlandana esperantisto sin turnas al li demandante, petante; ni ne plendas pro tio kaj eĉ ni diros ke estas por ni vera plezuro servi laŭ ĉiuj niaj fortoj al niaj karaj amikoj. Sed ofte okazas, ke la troa laborado kaj la multenombreco de poŝtkartoj kaj leteroj respondotaj devigas nin prokrasti respondojn kaj mendojn, kio ŝajne tre mirigas kelkajn amikojn, kiuj kredas sin nia unika korespondanto. Oni ne miru se niaj respondoj estas tre mallongaj kaj se pasas kelkaj tagoj antaŭ ol ricevi ilin. La tagon mem, kiam ni skribas tiujn ĉi liniojn, ni sendis al la poŝto deksep leterojn kaj poŝtkartojn pritraktantajn plej diversajn aferojn. Kaj ankoraŭ restas terurega amaso da respondotaj!!

Sed ekzistas alia malfacilaĵo. La gazeto havas definitan nombron de paĝoj, sed kvamkam ni dekobligus ĝin ni ne povus kontentigi ĉiujn sendantojn de presaĵoj: artikoloj, cirkuleroj, sciigoj, k. t. p. Nu, ni mallongigas ilin laŭ graveco, ĉar nia unua devo estas labori por ke la gazeto estu *interesa por ĉiuj*, kaj ne por ia grupo, societo aŭ aparta persono.

Pro tiu sama kaŭzo, ni iom post iom mallongigis la liniojn dediĉatajn al ĉiu aperinta verko, timante ke la bibliografia rubriko plenigos duonon de la gazeto, sed en la lastaj monatoj aperis tiom da verkoj, ke malgraŭ tiu mallongigo kuŝas sur nia skribotablo pli ol tridek atendante nian legadon kaj kritikon.

Nia tute senmerita laborado nur celas kontentigi niajn legantojn; dankojn tutkorajn ni sendas al ĉiuj verkistoj, aŭtoroj, kaj sciigantoj. Sed, ili ne estu tre postulemaj!

L. S. H.

✶ ✶ ✶

# La Despeska

Unu el la amuzfestoj kazakterizaj en la Andalucia angulo, kie regas la orientvento kaj staras la kolosaj salaj piramidoj (admirataj de ĉiuj atente rigardantaj ilin) estas tiu konata per la nomo *Despeska*, kiu signifas taskon por elĉerpi grandajn kvantojn da fiŝoj el *marfakoj*, kie ili estis enfermitaj antaŭe por grasigi ilin, ĝis la ĝustatempo. Kiam la festa tago alvenas, la salejestro preparas skrupule ĉiujn adekvatajn ilojn, dungas specialajn laboristojn kaj invitas siajn amikojn. Nenio pli estas necesa. Tie ĉi la vetero ĉiam estas belega. La suno brile radias sur tre pura ĉielo, tiel blua kiel nenie. La viveco kaj gajeco estas hereda propraĵo de la ĉitieuloj; riĉuloj kaj malriĉuloj ĝuas la vivon sen priokupoj, sen maltrankviloj pri la estontempo, ĉiam ridema por ili.

La familioj transigas sin en la salejon, unuj veturile, aliaj rajde aŭ piede, laŭ la interspaco de la urbo. Apenaŭ ili alvenas, disiĝas ĉien, scivole rigardante ĉion, demandante pri ĉio, kion ili vidas al ĉiuj renkontatoj per sincereco kaj konfido vere ĉarmantaj. Ili rapide marŝas al la *estero* (la antaŭdirita marfako), kie jam estas preparitaj la iloj por la *despeska*. Kvar viregoj, senvestaj ĝis la femuroj, portas la retan fiŝkaptilon kaj en ĝi ili envolvas la kaptaĵon ĝis tuta pleniĝo. Kiom da fiŝoj kaj kiel belaj! Oni ripetas la taskon multfoje ĝis kiam oni formas tre grandan amason da fiŝoj, kiuj defendante sin kontraŭ la elmortiga asfiksio estas transportataj sur azenoj en la lokon, kie la festo okazos. Tie ilin atendas kruela morto.

Per sekaj branĉoj de *sapina* (sala kreskaĵeto) la servistinoj faras kolosan flambrulaĵon, kien ili ĵetas la fiŝojn, ankoraŭ vivajn, kaj kiam ili estas rostitaj oni alportas ilin al la kunmanĝantoj. Tiuj ĉi atendas ilin surtere sidante ĉirkaŭ granda tablotuko, sur kiu oni vidas bongustan kolbason, ŝinkon, k. c., kaj boteloj da *manzanilla* (pomodora vino). Post mortigo de la apetito, ili ekdancas kaj kantas, per la sono de gitaro.

La horoj kuras tiel tre rapide, kaj kiam la suno sendas al la tero sian lastan saluton, ankoraŭ restas energioj al la kunmanĝintoj por daŭrigi la amuzfeston; sed... estas necese fini. Pli gajaj ol matene, la invititoj diras adiaŭ al sia aminda amiko kaj iuj, pli entuziasmaj al la aliaj, daŭrigas la kantadon dum la vojaĝo. Pro la silento de la vespero, tiuj melankoliaj kantoj ŝajnas plendoj kaŭzantaj surprizantan impreson sur la ĉefvojirantoj.

José Garzon Ruiz.
Esperantista Konsulo Kadiza.

---

# SECCIÓN GRAMATICAL

*Según prometimos en nuestro número anterior y como contestación á las muchas preguntas recibidas consultando el empleo del acusativo en diversas frases, damos hoy una extensa aclaración sobre el mismo.*

La final *n*, característica del acusativo esperanto, se emplea por cuatro causas distintas, que determinan cuatro diferentes acusativos: 1.°, acusativo complemento directo de un verbo transitivo; 2.°, acusativo en sustitución de una preposición; 3.°, acusativo de dirección, y 4.°, acusativo de claridad.

De todos ellos, sólo el tercero puede estar precedido de preposición.

I

## Acusativo complemento directo de un verbo transitivo

Para conocerlo basta formular la pregunta *¿qué es lo que se...?* con el verbo correspondiente, y la contestación será el acusativo. Ejemplo: El niño come pan. (*¿Que es lo que se* come?—*Pan*) se traducirá: la infano manĝas *panon.*

También puede conocerse poniendo la oración en pasiva, pues el acusativo de la voz activa es el nominativo de la pasiva. Ejemplo: Pedro escribe la carta. (*La carta* es escrita)=Petro skribas *la leteron.*

Este acusativo puede ser complemento directo,

*a*) de un verbo explícito: mi amas *vin,* ili rigardas la *arbojn.*

*b*) de un verbo implícito, que fácilmente se adivina: *bonan farton!*, *gratulojn!*, *helpon!*

*c*) ó de un verbo expresado anteriormente y que no se repite por no recargar la frase. Ejemplos:

El lo hizo todo: zapatos, vestido y sombrero=*Li faris ĉion: ŝuojn, veston kaj ĉapelon.*

Te quiero como á tu hermano=*Mi amas vin, kiel vian fraton.*

La frase completa en este último ejemplo sería:

Te quiero como (quiero) á tu hermano=*Mi amas vin, kiel* (*mi amas*) *vian fraton.*

Es conveniente comparar estas dos últimas frases con las siguientes:

Te quiero como tu hermano=*Mi amas vin, kiel via frato.*

Te quiero como tu hermano (te quiere)=*Mi amas vin, kiel via frato* (*amas vin*)

II

## Acusativo en sustitución de una preposición

Puede emplearse únicamente cuando al suprimir la preposición no queda dudosa la frase. En general no es de recomendar esa sustitución en la preposición *al* de dativo.

*Georgo Washington estis naskita la dudek duan de Februaro*
*Kvar metroj da tiu ĉi ŝtofo kostas naŭ frankojn* } (Zamenhof.—Ekzercaro).

*Alta je kvin metroj=Alta kvin metrojn* (Beaufront.—Commentaire).

*En tiu tago mi legis du librojn=Tiun tagon mi legis du librojn.*

(Citamos este acusativo para que el estudio resulte completo, pero ni su empleo ni traducción ofrecen dificultad, como lo confirman las preguntas recibidas).

III

## Acusativo de dirección

Las palabras que indican el *término* de un movimiento, físico ó moral, toman la terminación *n:*

Cayó á la calle=*Li falis sur la* **straton.**

Traduje esa obra al Esperanto=*Mi tradukis tiun verkon* **Esperanten**.

Detrás de un sustantivo que indica movimiento ó dirección, también se usa en acusativo la palabra que indica el término de aquél:

*Mi gratulas Vian Princan Moŝton je la reveno* **Danujon**. (Zamenhof.—Hamleto).

Para indicar el lugar adonde se vá, puede emplearse éste acusativo suprimiendo la preposición:

¿Adonde vás? Voy á París=*Kien vi iras? Mi iras* (*en*) *Parizon.*

(Cuídese de que no pueda confundirse con un acusativo de dirección el que se emplea en lugar de una preposición y que antes hemos estudiado. Ejemplo: Voy por la ciudad=*Mi iras en la urbo;* aquí no podemos usar el acusativo en lugar de la preposición *en*, pues la frase *mi iras la urbon* indica *voy á la ciudad).*

Las preposiciones *al*, *ĝis* y *preter* indican por sí mismas movimiento; por eso detrás de ellas se usa siempre nominativo:

*En tiu ĉi momento iris preter ni du sinjorinoj.* (Princino Mary. XI).

*Li iris al la tablo.—Kuru ĝis la preĝejo.* (Beaufront.—Commentaire).

En resumen, para emplear el acusativo de dirección son precisas dos condiciones: 1.ª, que haya movimiento indicado por un verbo ó un sustantivo: 2.ª, que se exprese el término (no el lugar) de ese movimiento:

El pájaro voló en el jardín=*La birdo flugis en la ĝardeno (en la ĝardeno,* lugar del movimiento).

El pájaro voló al jardín=*La birdo flugis en la ĝardenon* (*en la ĝardenon*, término del movimiento).

IV

## Acusativo de claridad

Cuando un sustantivo, un adjetivo ó un participio expresa una cualidad *que posee* el objeto de una frase con arreglo al caso I llevarán la terminación *n*.

Yo encontré el vino bueno. (—¿*Qué vino?*—el bueno)=*Mi trovis la vinon* **bonan.**

Sólo veo al muchacho que está de pie. (—¿*Qué muchacho?*—el que está de pie)= *Mi nur vidas la knabon* **starantan.**

Encontré á mi hijo enfermo. (—¿*Qué hijo?*—el enfermo)=*Mi trovis mian filon* **malsanan.**

Llamé á mi hijo Adolfo. (—¿*Qué hijo?*—Adolfo)=*Mi nomis mian filon* **Adolfon.**

*Bonan, starantan, malsanan, Adolfon* sirven para determinar *qué hijo*, *qué muchacho* ó *qué vino* es el visto, el encontrado ó el llamado; esos y no otros.

Pero cuando un sustantivo, adjetivo ó participio no determinan el objeto de la oración, sino que expresan una cualidad, un estado, una acción que el *verbo atribuye* al objeto (sea cierto ó no) entonces se ponen en nominativo.

Yo encontré el vino bueno. (—¿*Cómo lo encontré?*—bueno)=*Mi trovis la vinon* **bona.**

(El vino podía ó no ser bueno, pero yo encontré en él esa cualidad).

Veo al muchacho sentado. (—¿*Cómo lo veo?*—sentado)=*Mi vidas la knabon* **sidanta.**

Encontré á mi hijo enfermo. (—¿*Cómo lo encontré?*—enfermo)=*Mi trovis mian filon* **malsana**.

Llamé á mi hijo Adolfo. (—¿*Cómo le llamé?*—Adolfo)=*Mi nomis mian filon* **Adolfo**.

(Es decir, le nombré de ese modo, bien en el momento del bautizo, ó bien por equivocación, en vez de llamarle por su verdadero nombre, *llamé á mi hijo Adolfo*).

En estos ejemplos, *bona, sidanta, malsana, Adolfo,* no sirven para determinar el objeto de la oración, sino que expresan cualidad, estado ó acción que el verbo le atribuye.

Véanse los siguientes ejemplos:

Yo juzgué al niño inocente. {
(¿*Qué niño?*—el inocente)=*Mi juĝis la knabon* **senkulpan.**
(¿*Cómo lo juzgué?*—inocente)=*Mi juĝis la knabon* **senkulpa.**

Dibujó el arbol grande. {(*¿Qué arbol?*—el grande)=*Li desegnis la arbon* **grandan**. (*¿Cómo lo dibujó?*—grande)=*Li desegnis la arbon* **granda**.

No siempre podía encontrarse doble significado con el uso del acusativo y del nominativo, como en los dos ejemplos anteriores, pero cuídese de usar el caso que el sentido indique con arreglo á las reglas antedichas. Véanse las frases siguientes:

*Ili nomis* **lin reĝo**.—*Oni nomis mian* **patron urbestro**.—*La kutimo faris lin* **indiferenta** (Zamenhof.—Hamleto).—*Mi juĝas* **lin kapabla** *por ĉio*.—*Mi kredas* **lin** *pli* **bona** *ol li estas*.—*Mi nomas* **min feliĉa** *sed mi ne estas tia*.—*Oni lasis* **min sola**.—*Ĉu en Genuo kaj en Hispanujo oni ne nomadis* **lin revisto kaj frenezulo?** (Zamenhof.—Krestomatio).

HISPANO.

---

# Noticias del extranjero

**Francia**.—El presidente del Grupo de París, Sr. Bourlet, dió una conferencia de propaganda en Toulouse, comentada y aplaudida en un largo artículo de «La Dépêche». El Sr. Cart, incansable con la pluma y la palabra, también ha hablado con éxito en Versailles y en París.—«Le Correspondant International» de Enero publica en esperanto y francés una interesante crónica de nuestro compañero Sam. Meyer.—«La Revue des Revues» aplaude al esperanto por el éxito conseguido en su intervención á favor de la paz mundial.—En «Revue du Spiritisme» el Sr. Chaigneau inicia á sus lectores en el conocimiento del idioma.—El movimiento propagador es en las colonias tan importante como en Francia: en Argel se ha publicado el primer número de «Alĝeria Informilo», redactado en francés y esperanto; en Túnez se ha organizado un curso para comerciantes é industriales; en Tananarive (Madagascar) se dan cinco cursos, dirigidos por el Capitán Fortin.

**Inglaterra**.—En Harrogate los maestros de las escuelas han designado dos alumnos de cada una para que asistan á los cursos gratuitos organizados por el Grupo.—Las enfermeras del hospital de Birmingham han formado un pequeño grupo para aprender el idioma.—En Brighton y Hove se reunieron más de sesenta esperantistas para dar la bienvenida al presidente de la British Esperanto Association, coronel Pollen.—A los cursos de Blackpool asisten catorce policías.—En Cheston se ha dado una conferencia con proyecciones, titulada «Libertempo en Kimrujo».—En Shanklin más de 60 socios asistieron á la primera conferencia general, representando á Sandown, Ventuor, Cowes, Ryde y Yarmouth.—El periódico «Sheffield Weekly News» publica semanalmente una columna en esperanto sobre diversos temas.—La «Londona Esperanta Drama Rondo», que se fundó después del Congreso para los aficionados á representaciones teatrales, se reunen para ensayos semanalmente bajo la dirección de la Srta. Sefer.

**Alemania**.—Se han fundado nuevos grupos, entre los que descuella por su actividad el de Hannover, que ha esperantizado á toda la prensa local y abierto tres cursos en la Escuela de Comercio. Para celebrar la fundación del Grupo, organizaron un festival con exposición, discursos, bailes y cantos.—Siguen con entusiasmo trabajando los socios del grupo de Weisser Hirsch; el presidente Sr. Helbig no descansa con el fin de que los futuros congresistas queden complacidos de la Esperanta Vilaĝo.

**De todas partes**.—En el pasado Noviembre se fundó legalmente la Hungara Es-

perantista Societo, eligiendo cónsul general al Sr. A. Marich (Ulloi-ut 59, IV, 8, Budapest).—La sociedad «La Polusstelo» ha organizado en Helsingfors dos cursos de esperanto.—El partido socialista ha fundado en dicha población una escuela para sus niños, en la que sólo se enseñan dos idiomas: el nacional y el esperanto.

# Sciigoj

## EL HISPANUJO

Per festi la finon de la kurso malfermita en Liria antaŭ kelkaj semajnoj de nia senlaca amiko S.ro Jimenez Loira, oni organizis tagmanĝon, al kiu estis invitataj la dirita profesoro kaj la inda prezidanto de Hispana Societo, D.ro Romano Ayza. La gajeco de ĉiuj kunmanĝantoj faris tre agrabla la kunvenon kaj post la desertoj toastis esperante S.orj Ayza, Loira, Serra kaj Fombuena dezirante plej brilan estonton al la tiea grupo ĵus fondita. La grupanoj kantis nian himnon «La Espero» kaj funkciigis fotografilon por konservi memoraĵon de tiu agrabla tago.

La nova grupo de Santurce multe kaj sukcese laboras. S.ro Ramón Berdonces faris en la Urbestrejo belegan kaj propagandan paroladon, antaŭ tre distinginda kaj multenombra publiko, kiu premiis per longa aplaŭdado la spritan laboron de la oratoro. Du kursoj estis malfermataj, kies profesoroj estas S.roj Hoyos kaj Berdonces. Ankaŭ oni fondis Esperantistan konsulejon, por kies ofico estis elektita S.ro Berdonces.

La Madrida Grupo elektis S.ron José Perogordo konsulo, kaj S.ron Pedro Pascual Rodríguez vickonsulo; ni sciigas ke la adreso de la konsulejo estas: strato Marqués de la Ensenada, 4, 1.°

La grava societo «La Papelera Española» ordonis, ke ĝiaj oficistoj, kiuj lernas komercon en la Skolaj Piaj de Tolosa ankaŭ lernu Esperanton kaj ĝi anoncas siajn komercaĵojn per nia helpa lingvo.

Dank' al fervoraj klopodoj de nia sa-

## DE ESPAÑA

Para celebrar la terminación del curso que hace algunas semanas inauguró en Liria nuestro incansable amigo Sr. Jiménez Loira, se organizó una comida, á la que fueron invitados dicho profesor y el digno presidente de la Sociedad Española, Sr. D. Román Ayza. La alegría de todos los comensales hizo muy agradable la reunión, y después de los postres brindaron en Esperanto los Sres. Ayza, Loira, Serra y Fombuena, deseando un brillante porvenir al grupo que allí acaba de fundarse. Los socios cantaron nuestro himno «La Espero» é hicieron funcionar una máquina fotográfica para conservar un recuerdo de día tan agradable.

El nuevo grupo de Santurce trabaja mucho y con éxito. D. Ramón Berdonces dió en el Ayuntamiento una hermosa conferencia de propaganda ante distinguidísimo y numeroso público, que premió con prolongada ovación el ingenioso trabajo del orador. Dos cursos se han abierto, cuyos profesores son los señores Hoyos y Berdonces. También se ha fundado un consulado esperantista, para el cual ha sido elegido el Sr. Berdonces.

El Grupo de Madrid ha elegido cónsul á D. José Perogordo, y vicecónsul á D. Pedro Pascual Rodríguez; advertimos que la dirección del consulado es: calle del Marqués de la Ensenada, 4, 1.°

La importante sociedad «La Papelera Española» ha decidido que sus empleados que estudian comercío en las Escuelas Pías de Tolosa aprendan también Esperanto, y anuncia sus artículos en nuestra lengua auxiliar.

Gracias á los fervorosos trabajos de

mideano S.ro Enrique Altavás estas fondita esperantista rondo en Aibar (Navarra), kiu estas la unua en tiu hispana provinco.

En la lasta kongreso de la «Unión Velocipédica Española», kiu apartenas al la Franca Touring Klubo, estis aprobata proponon de nia Liria samideano S.ro Serra, per kiu estis oficiale akceptata la helpan lingvon Esperanton. Pro tiu brila sukceso ni kore gratulas nian amikon.

S.ro Garzón Ruiz, la pioniro de nia ideo en la Kadiza provinco, diris belegan paroladon en el Casino Liberal de tiu ĉefurbo pri Esperanto. Per elokventaj vortoj li prezentis ĝin al sia multenombra aŭskultantaro vidigante la belajn ecojn, kiujn ĝi posedas. En aparta broŝureto oni presis tiun paroladon, kiu bone taŭgas por propagando. Ni dankas la ekzemplerojn ricevitajn.

Ce la societo «Espero Kataluna» de Barcelona baldaŭ malfermos senpagan kurson de esperanta stenografio S.ro Bacardit laŭ la rapida kaj facilega metodo germana de Stolze-Schrey.

La prezidanto de la Tolosa Grupo, Rdo. P. Mariano Plana sendis al ni cirkuleron, kiun bedaŭrinde ni ne povas publikigi pro manko da loko, invitante al la solenega festo farota de la tieaj samideanoj kaj tiuj de San Sebastián okaze la starigo de tiu Esperantista Centro. Tiu ĉi festo, kiu okazos dum la venonta Pasko, estos kvazaŭ kongreseto, kaj ĝin honoros per sia ĉeestado S.ro de Beaufront, al kiu ni deziras feliĉan alvenon al nia patrujo.

En la sidejo de la Akademio de Socialaj Sciencoj de Burgos, la prezidanto de la tiea grupo, S.ro Esteban, parolis pri la «Historio kaj progresoj de Esperanto». Ĉar ni jam diris la nomon de la parolanto, estas senutile ke ni dediĉu laŭdon—cetere tre meritítan—al la parolado. Per ĝi li atingis, ke tiu Akademio akceptu de nun korespondadon en Esperanto. Poste oni malfermis diskuton, kiun partoprenis S.roj Sarmiento kaj Mejorada defende kaj

nuestro correligionario D. Enrique Altavás se ha fundado un círculo esperantista en Aibar (Navarra), el primero en aquella provincia española.

En el último Congreso de la «Unión Velocipédica Española», que pertenece al Touring Club francés, se aprobó una proposición de nuestro correligionario Sr Serra, de Liria, por la que ha sido oficialmente aceptada la lengua auxiliar Esperanto. Por tan brillante éxito felicitamos cordialmente á nuestro amigo.

El Sr. Garzón Ruíz, el campeón de nuestra idea en la provincia de Cádiz, dió una hermosa conferencia sobre Esperanto en el Casino Liberal de aquella capital. Con elocuente palabra lo presentó á su numeroso auditorio, haciendo ver las hermosas cualidades que posee. En folleto aparte ha sido impresa esta conferencia, que sirve muchísimo para la propaganda. Agradecemos los ejemplares recibidos.

En la sociedad «Espero Kataluna», de Barcelona, pronto abrirá un curso gratuito de taquigrafía esperanta el señor Bacardit, según el rápido y facilísimo método alemán de Stolze-Schrey.

El presidente del grupo de Tolosa, Rdo. P. Mariano Plana, nos ha envíado una circular, que sentimos no poder publicar por falta de espacio, invitando á la solemne fiesta que han de hacer aquellos correligionarios y los de San Sebastián para celebrar la fundación de dicho Centro Esperantista. Esta fiesta, que tendrá lugar durante la próxima Pascua, será como un pequeño congreso, y lo honrará con su asistencia Mr. de Beaufront, al que deseamos una feliz llegada á nuestra patria.

En el local de la Academia de Ciencias Sociales de Burgos, el presidente de aquel grupo, Sr. Esteban, habló sobre la «Historia y progresos del Esperanto». Como ya hemos dicho el nombre del orador, es inútil que dediquemos alabanzas —por lo demás muy merecidas—al discurso. Consiguió con él que dicha Academia acepte desde ahora correspondencia en Esperanto. Después se abrió discusión, en la que tomaron parte los Sres. Sar-

S.ro Antón kontraŭe, kaj niaj amikoj venke respondis la argumentojn de la kontraŭulo. Al ĉiuj ni gratulas publike kaj sincere.

Oni elektis la jenajn Direktajn komitatojn:

miento y Mejorada en pro y el señor Antón en contra, y nuestros amigos refutaron con acierto los argumentos del contrario. A todos felicitamos pública y sinceramente.

Han sido elegidas las siguientes juntas directivas:

*Liria.*—Presidente, D. Juan Serra Ferrando.—Vice, D. Francisco Fombuena.—Tesorero, D.ª Carmen Alamá.—Bibliotecario, D.ª Benilde Durán.—Secretario, don Julio Moreno.—Vocales: D.ª Ernestina Serra, D. Antonio Guillén, D. Pablo Gabriel y D. Adolfo Martí.

*Alcoy.*—Presidente honorario, Dr. Zamenhof.—Efectivo, D. José Bellido.—Suplente, D. José Martínez Bayarri.—Adjunto, D. Lázaro Mascarell Llácer.—Suplente, D. Camilo Gisbert Miró.

*Madrid.*—Presidente, D. José Perogordo.—Vice, D. Andrés Bravo del Barrio.—Primer secretario, D. Julio Fernández.—Segundo secretario, D. Alberto Galant.—Cajero, D. Pedro Marcilla.—Primer vocal, D. Pablo Sanmartín.—Segundo vocal, don Manuel García.

*Palma de Mallorca.*—Presidente honorario, D. Federico Ascensión.—Efectivo D. Antonio Roselló Gómez.—Vice, D. Emilio Lladó.—Secretario, D. Bernardo Rebassa.—Vice, D. Guillermo Alcover.—Bibliotecario, D. José Roselló Ordinas.—Contador, D. Gabriel Alomar.—Vocales: D. Bartolomé Font, D. José Auba y D. Francisco Pons.

*Villanueva del Arzobispo.*—Presidente, D. Policronio Montoro Bueno.—Vice, don Juan Esteban Bueno.—Vocales: D. Agapito Gómez González, D. Juan Antonio Donaire, D. Emilio Donaire y D. Vicente Quesada.—Secretario, D. Miguel Viedma.—Socio correspondiente en el Grupo de Villacarrillo, D. Laureano Muñoz Escobar.

*Tolosa.*—Presidentes honorarios: M. Rdo. P. Rector de las Escuelas Pías y Mr. L. de Beaufront.—Presidente efectivo, Rdo. P. Mariano Plana.—Vice, D. Pedro Vigneau y D. José Caballero.—Cajero, D. José Vallejo.—Secretario, D. Policarpo Elósegui.—Bibliotecario, Rdo. P. Daniel Benito.—Vice, D. Germán Raguan.—Vocales: D. Juan Elósegui, D. Isaac López, D. Ramón Irazusta, D Joaquín Elósegui y don Francisco Garín.—Vocal honorario, D. Julio Garrido.—Cónsul, Rdo. P. Mariano Plana.—Vice: Rdo. P. Daniel Benito y D. Germán Raguan.

La gazetaro ĉiam montriĝas favora al nia afero; ni povas citi la jenajn artikolojn: *El Pueblo Vasco* pri Kongreso Esperantista en Hispanujo; *Revista de Menorca*, kiu de nun redaktas kvar paĝojn Esperante; *Revista Magnetológica* (el Argentina) anoncante senpagan kurson; *La Gaceta del Norte* pri la parolado de S.ro Berdonces en Santurce; *Alma Joven* kiu subtenas nian aferon en Carcagente; *La Provincia*, kiu publikigis la belan paroladon de S.ro Garzón Ruiz; *La Gaceta de Galicia* donante sciigojn pri movado esperantista; *La Almudaina* pri la ekskurso al insulo Mallorca; *Diario de Barcelona* pri malfermo de esperanta kurso;

La prensa siempre se muestra favorable á nuestra idea; podemos citar los siguientes artículos: *El Pueblo Vasco*, sobre el Congreso Esperantista en España; *Revista de Menorca*, que desde ahora redacta cuatro páginas en Esperanto; *Revista Magnetológica* (de la Argentina), anunciando un curso gratuito; *La Gaceta del Norte*, sobre la conferencia del señor Berdonces en Santurce; *Alma Joven*, que sostiene nuestra idea en Carcagente; *La Provincia*, que inserta el hermoso discurso del Sr. Garzón Ruiz; *La Gaceta de Galicia*, que da noticias sobre el movimiento esperantista; *La Almudaina*, sobre la excursión á la isla de Mallorca; *Diario*

*La Correspondencia de San Fernando* kun parto de la parolado farita de D.ro Zamenhof en Londono; *La Voz de Guipúzcoa* pri esperantista kongreso en Hispanuyo; *Diario de Burgos* pri la paroladoj de S.ro Esteban, kaj *El Mercantil Valenciano* aukaŭ pri la Kongreso en Hispanujo.

*de Barcelona*, sobre apertura de un curso de Esperanto; *La Correspondencia de San Fernando*, con parte del discurso pronunciado por el Dr. Zamenhof en Londres; *La Voz de Guipúzcoa*, sobre el Congreso esperantista en España; *Diario de Burgos*, sobre las conferencias del señor Esteban y *El Mercantil Valenciano* también sobre el Congreso en España.

# Bibliografio

Pro manko de spaco ni devas mallonge raporti pri la sekvantaj tre interesaj verkoj.

*Schiller. La rabistoj*, dramo en kvin aktoj, tradukita el germana lingvo de dokj toro L. L. Zamenhof. Unu volumo, 144 paĝa. Prezo: 2 fr. ĉe eldonejo Hachette ka-K.° 79, boulevard St. Germain. Parizo.

La sola nomo de la aŭtoro igas superfluaj ĉiujn laŭdojn, kiujn ni plej juste devus dediĉi al tiu ĉi mirinde bela verko, kiu estis unue publikigita en «La Revuo», kaj estas nun aparte presigita de firmo Hachette en bela zorge korektita libro. Al ĉiuj esperantistoj, kiuj ankoraŭ ne posedas *La Rabistoj*, ni konsilas rapidi ĝin aĉeti, se ili volas traĝui la ĉarmecon de tiu verko kaj interkonatiĝi kun la delikataj nuancoj de la esperanta literaturo.

*La Faraono*, el B. Prus, tradukita el pola lingvo de D.ro Kazimierz Bein (Kabe). Tri volumoj. Prezo: ĉiu volumo, 2 frankoj. Ĉe firmo Hachette, Parizo.

Ĉiuj esperantistoj bone konas la klasikan stilon de Kabe. Se ni al tio aldonas, ke *La Faraono* estas lia plej bona verko, oni klare komprenos, kiel prave oni nomas ĝin *la plej grava verko de la Esperanta literaturo.* En nia modesta opinio, esceptante la verkojn de D.ro Zamenhof, *La Faraono* estas la plej bona el ĉiuj esperantaj verkoj ĝis nun publikigitaj, kaj ĝi estas tre elokventa respondo al ĉiuj, kiuj malprave revas pri la neceseco fari reformojn en Esperanto. Ĉu ne sufiĉas, sinjoroj plibonigistoj, la perfekteco de *La Faraono*?

*Vocabulaire technique et technologique Français-Esperanto,* par Ch. Verax. Prezo: 2 fr. 50. Ĉe firmo Hachette.

La lerta aŭtoro de la *Elementa fotografa optiko* faris tre bone dediĉante sian kompetentecon al la elfaro de la *Vortaro teknika kaj teknologia*, ĉar tiu ĉi verko estis tre necesa kaj de tago al tago pli urĝa. Se Esperanto trafis jam la plej altajn suprojn de la literaturo kaj atingos tre baldaŭ la elfaritecon de ĉiuj teknikaj vortaroj, kion oni ja povos de ĝi plupostuli? Tial ni varme rekomendas tiun ĉi novan vortaron, kiu estas tre konscience farita de la aŭtoro kun la helpo de tre eminentaj esperantistoj ĉiulandaj kaj ni esperas, ke la venontaj baldaŭaj eldonoj fariĝos pli kaj pli vastampleksaj, ĝis ili fine ricevos la nomon de *Vortarego*, idealo kiun devas maltime celi nia franca kunlaboranto.

*Dizionario italiano esperanto* di G. Meazzini. Unu volumo 404 paĝa. Prezo: 2'50 liroj. Ĉe eldonejo Raffaelo Giusti, Livorno. Italujo.

Ni estas en gratula epoko. La gravaj esperantaj vortaroj aperas tiel multenombre,

kiel fungoj post pluvo. Apenaŭ ni ricevis la belan *Naŭlingva etimologia leksikono* de S.ro Bastien, kaj la ĵus raportitan, jen ni devas paroli pri nova vortaro. Ĝi estas lerte farita de la konata itala pioniro S.ro G. Meazzini, kiu liveras al siaj samlandanoj tre vastampleksan itala-esperantan vortaron. Kaj se la verko estas utila, bonteksta kaj tre malkara, ĉu estos necese ĝin rekomendi kaj aŭguri al ĝi belan sukceson?

*Lettres commerciales pratiques (praktikaj komercaj leteroj) en Esperanto avec la traduction française en regard*, par J. C. O'Connor et B. P. Hugon. Ĉe librejo Hachette kaj K.o

Tiu ĉi libro enhavas kolekton da zorge elektitajn leterojn en Esperanto kun apuda franca traduko pri ĉiuspecaj komercaj aferoj. Ĝia enhavo utilega, praktika kaj bonstila faras el ĝi multekostan gvidilon por ĉiuj personoj sin dediĉantaj al la komercado.

*Primele lectiuni de Esperanto* de Th. Cart, traduse de Dr. G. Robin. Buenresti. Libraria Noua Carol P. Segal. Calea Victoriei, 78.

Tiu ĉi libreto estas la rumana eldono de la tre konata verketo *Unuaj lecionoj de Esperanto.*

V. INGLADA.

## NOVAJ GAZETOJ

Kun plezuro ni anoncas la aperon de la jenaj gazetoj:

*Pola Esperantisto* monata organo de la Polaj Esperantistaj Societoj kun tre kompetentaj redaktoroj: S.roj Zamenhof (León), Kabe, Leo Belmont, Grabowski. Jare: 5 frankoj. Adreso: Hoza, n.° 40, m. 8. Warszawa (Rusia).

*La Edukado,* ĉiujemajna gazeto por defendi la Instruadon kaj propagandi Esperanton. Monate: 50 centimoj; jare: 6 pesetoj. Adreso: Plaza de la Constitución, 15, pral. Almeria (España).

*Voĉo de Kuracistoj*, senpaga aldono al la duonmonata gazeto «Glos lekarzy». Adreso: D.ro Stefan Mikolajski, strato Sniadeckich, 6, Lwów (Austrio.—Galicio).

*Roma Esperantisto*, oficiala organo de la Roma Esperantista Societo. Jare: 3 frankoj. Adreso: Prof. Luigi Giambene, 198. Babuino, Roma.

*Dana Esperantisto*, organo de la Centra Dana Esperantista Ligo. Adreso: Frederiksberggade, 28, Kopenhago (Danujo).

## NUEVAS REVISTAS

Con gusto anunciamos la aparición de las siguientes revistas:

*Pola Esperantisto*, órgano mensual de las Sociedades Esperantistas Polacas con redactores competentísimos: señores Zamenhof (León), Kabe, Leo Belmont, Grabowski. Al año: 5 francos. Dirección: Hoza, n.° 40, m. 8. Warszawa (Rusia).

*La Educación*, revista semanal para la defensa de la Enseñanza y propagación del Esperanto. Al mes: 50 céntimos; al año: 6 pesetas. Dirección: Plaza de la Constitución, 15, pral. Almería (España).

*Voĉo de Kuracistoj*, suplemento gratuito á la revista quincenal «Glos lekarzy». Dirección: Dr. Stefan Mikolajski, calle Sniadeckich, 6, Lwów (Austria —Galicio).

*Roma Esperantisto*, órgano oficial de la Sociedad Esperantista de Roma. Al año: 3 francos. Dirección: Prof. Luigi Giambene, 198, Babuino, Roma.

*Dana Esperantisto*, órgano de la Liga Central Esperantista de Dinamarca. Dirección: Frederiksberggade, 28, Kopenhague (Dinamarca).

* * *

## NIAJ FRATAJ VIZITANTOJ

*Afrika Esperantisto*, 4, rue du Marche, Alĝer, senpage.
*Amerika Esperantisto*, 1239, Michigan Avenue, Chicago, U. S. A. fr. 5'25.
*Antauen Esperantistoj!!!* Apartado 927, Lima, Perú, fr. 3.
*Brazila Revuo Esperantista*, rua da Assemblea, 46, Rio de Janeiro, Brazilujo, fr. 6.
*Bulgara Esperantisto*, Administracio de la Bulgara Esperantisto en Sofio Bulgaria, . 1'5c.
*Centramerika Esperantisto*, Quezaltenango, Guatemala, fr. 3.
*Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu*, Praha II-313 Karlovo Námésti, Bohemujo, Austrujo, fr. 3'
*Eĥo Esperantista*, aldono de l'Echo, Wilhelmstrasse 29, Berlino, Germanujo, senpage.
*Eksport-Ĵurnalo* Union» Esperanto-Verlags Gesellschaft, Frankfurt a M. Germanujo.
*Esperantisten*, 37, Surbrunnsgatan, Stockolm, Svedujo, fr. 3'50.
*Esperanto*, 8, rue Bovy-Lysberg, Genevo, Svisujo, fr. 3.
*Espero Katolika*, Mr. Peltier, Sainte-Radegonde (Indre, Loira), Francujo, fr. 5.
*Espero Pacifista*, 26, rue de Chartres, Neuilli-sur Seine, Francujo, fr. 5.
*Finna Esperantisto*, Ilarejo Esperantista, Helsinki, Finnlando, fmk. 3.
*Foto-Revuo Internacia*, 118-bis, rue d'Assas, Parizo, Francujo, fr. 5.
*Germana Esperantisto*, 95, Prinzenstrasse, Berlino, Germanujo, ms. 3.
*Helpa Lingvo*, F-ino G. Monster, Osterbrogade 54 B, Kopenhago, Danujo, kr. 1'2c.
*Idealo*, Corso Calatafimi, 495, Palermo, Italujo, fr. 3.
*Internacia Socia Revuo*, 45, rue de Saintonge, Paris III[a] Francujo, fr. 6.
*Japana Esperantisto*, 3ĉome, Jurakĉo, Kojimaciku, Tokio, Japanujo, fr. 3.
*Juna Esperantisto*, 33 rue Lacépéde, Paris 5.[a], Francujo, fr. 2'50.
*La Esperanta Instruisto*, 85, Fleet-St., London, E. C., fr. 2'50.
*La Belga Sonorilo*, 53, Ten Bosch, Bruxelles, Belgujo, fr. 6.
*La Verda Standardo*, Mr Marich. Agoston, Ülloi-Ut 59, Budapest, IX, Hungria, Austrujo; k. 4.
*La Saksa Esperantisto*, S-ro Fritz Stephan, en Leipzig (Germanujo), fr. 1.
*La Pioniro*, Champion-Reef, Mysore State, South India, Angla, fr. 5.
*Lingvo Internacia*, 33, rue Lacépéde, Paris, V-e, Francujo, fr. 7,50.
*La Revuo*, 79, Bd St Germain Parizo, Francujo, fr. 7.
*L'Espérantiste*, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, Francujo, fr. 4.
*Lumo*, bulgara-esperanto, S-ro Nenkov, rue Gorska, 2299, Tirnovo, Bulgarujo, fr. 2.
*Pola Esperantisto*, 26, Akademicka, Leopolo, Austrujo, fr. 2'50.
*Ruslanda Esperantisto*, Bolŝaja Podjaĉeskaja, 24, St. Petersbourg, Rusujo, fr. 7'50.
*Svisa Espero*, 6, rue du Vieux Collége, Genéve, Svisujo, fr. 2'50.
*Tra la Mondo* (multilustrita), 15 boulevard des Deux Gares, Meudon S. O., Francujo, fr. 8.
*The American Esperanto Journal*, boulevard Station, Boston, Mass., U. S. A., fr. 5.
*The British Esperantist*, 13, Arundel street, London W. C., Anglujo, fr. 4.
*Verda Stelo*, 3. del Relox, 12, México (Distrito Federal), 1 peso.

---

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.

---

## ANONCOJ

*S.ro F. Ramos* (Credit Lyonnais—Valencia—Hispanujo) deziras interŝanĝi poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn kun tutmondaj gesamideanoj. Ciam kaj tuj respondos.

---

*S.ro José Vallejo* (*Tolosa*—Guipúzcoa) deziras korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj aŭ leteroj kun fremdaj gesamideanoj.

*S.ro Carlos Charrier* (calle de Zabala, 77, Montevideo—Uruguay) deziras interŝanĝi poŝtkartojn kun tutmondaj gesamideanoj.

---

*S.ro Gabriel P. Flores* (San Fernando—Pampanga—Islas Filipinas) deziras korespondi hispane aŭ esperante kun his panaj gesamideanoj.

---

Sendante 35 centimojn per poŝtmarkoj vi ricevos belan portreton de D.ro Zamenhof sur poŝtkarto fotografa.

---

El mero examen de los tomos publicados DEMUESTRA que la *Enciclopedia Universal Ilustrada Europeo-americana*, poseerá *toda la materia instructiva* que encierran *todos los libros publicados* sobre artes y ciencias; tantos *mapas* y tan exactos como en el *Atlas más completo;* más *planos* que en todas las *guías reunidas*; las *biografías* de todos los que han contribuído á la obra de la civilización; las noticias completas, exactas y desapasionadas de *todos los hechos que forman la historia de los pueblos*, y finalmente, un caudal inmenso de *datos inéditos* acerca de *nuestra nación*, sobre la cual, en muchos ramos del saber humano, *nunca se ha publicado ningún libro que demuestre á todos lo que han aportado á la obra de la civilización los sabios, los eruditos, los artistas y los ingenios españoles.*

---

## EN 3 MINUTOJ VI POVAS GAJNI 50 FRANKOJN

**PARTOPRENANTE LA LUDON DE LA LIMERIKO**

La Suno Hispana
Marto

*Detranĉu tiun kuponon kaj sendu ĝin kun via respondo.*

Tiu ludo certe interesos ĉiujn Esperantistojn, ĉar ili povos ricevi monan premion da 50 frankoj, kiel rekompenco de triminuta pripensado.

KONDIĈOJ DE LA LIMERIKO

1. Aldoni al la jenaj kvar versoj unu verson, kiu rimos kun la unua kaj havos la saman nombron da silaboj.

*Sur la kapo, la ĉapelo;*
*En la koro, nobla celo;*
*Li promenis sur la strato,*
*Sed subite pasis kato.*

. . . . . . . . . . . . . .

2. Sendi, kun tiu verso: *a*) sian nomon kaj plenan adreson; *b*) mandaton aŭ poŝtmarkojn po fr. 1'25 (1 ŝilingo, 1 marko, 50 spesdekoj); *c*) la kuponon kiu estas en la angulo de tiu ĉi teksto al

La Limeriko, *librairie de l' Esperanto*, 15, rue Montmartre, Paris.

3. Oni devos sendi la verson antaŭ la fino de Aprilo. (Se du versoj estas egale bonaj, la unue alveninta ricevos la premion).
4. La juĝistoj estos S.roj Gabriel Chavet kaj Pujula-Valjes.
5. La plej bona verso ricevos monan premion da fr. 50 (40 ŝilingoj, 40 markoj, 20 spesmiloj).
6. La nomo de la gajninto estos publikigata ĉiumonate en tiu ĉi jurnalo.